DUMONATA N-ro 6 OKTOBRO 1947

BULTENO DE

# Reĝa Belga Ligo Esperantista

*Asocio sen profita celo, tute sendependa de partiaj agadoj.*
*SOCIA SIDEJO : 19, avenue Montjoie, Bruselo.*

Om inlichtingen over Esperanto, wende men zich : — Pour renseignements au sujet de l'Espéranto, s'adresser :
230, Peter Benoitlaan, Merelbeke (Gent).

# La 32a Universala Kongreso de Esperanto

Denove, post plurjara monda milito, religiĝis la ĉeno de niaj ĉiujaraj mondfestoj. Post la Berna Kongreso 1939, jen okazis la Berna Kongreso 1947.

Ĝi havis grandan sukceson. Partoprenis ĝin 1380 personoj el 35 diversaj landoj. Ĉiu Esperantisto kiu iel povis forvojaĝi, iris al Svisujo, malgraŭ tiom da baroj : pasportoj, devizoj, plenplenaj vagonaroj, k. t. p. La ĉeestantoj estis rekompencataj : la vetero estis belega dum la kongresa semajno — eĉ tro. Svislando fariĝis ŝvitlando, ironiis Baghy, — ĉiuj kongresaranĝoj estis zorge preparitaj kaj meritis ĉies laŭdon, kaj la lando mem sin montris kiel eble plej alloga al la multaj partoprenantoj, kiuj enskribiĝis sin por la pluraj interesaj ekskursoj kondukontaj ilin al la plej diversaj belajoj de gastema Svislando.

### INTERKONATIĜA VESPERO

La kongreso komenciĝis jam sabaton la 26an de Julio, per interkonatiĝa vespero, en Kornhauskeller, kie, en atmosfero varmega, tiom morale kiom materie, retroviĝis multaj malnovaj konatuloj, kaj konatiĝis novaj partoprenantoj. Kiom da malnove konataj vizaĝoj ni revidis, sed ankaŭ kiom da karaj vizaĝoj intertempe forpasintaj ni neniam plu revidos !

### SOLENA MALFERMO

Dimanĉon matene, ĉiuj rapidis al la bela kazino, nia nunjara kongresejo. En la granda salono la kongresanoj kunvenis por la solena malfermo. Sur la podio sidis S-ro Buchli, prezidanto de L. K. K. kun la estraro de U. E. A. kaj la naciaj reprezentantoj. Ankaŭ sidis tie S-ro D-ro E. von Steiger, Federacia Konsilanto kaj S-ino Wanda Zamenhof, bofilino de la Majstro; ŝi kaj ŝia filo estas liaj nuraj familianoj ankoraŭ vivantaj. S-ro Bastien, prezidanto de U. E. A., malfermis la kongreson. Poste parolis S-ro D-ro von Steiger. Bedaŭrante ke li ne povas alparoli la kongreson en Esperanto, li uzos la francan lingvon, kiun uzas la Federacia Registaro por siaj rilatoj kun la aliaj ŝtatoj.

Li salutis la kongreson nome de la Federacia Prezidanto, de la kantona Registaro kaj de la Urbo Bern. Li esprimis sian simpation al la Esperanto-movado, kies celojn li konas kaj aprobas, kaj sian konvinkon ke la Esperantistoj restos inter la pioniroj kiuj celas la plibonigon de la homaro. Tondra aplaŭdo salutis tiun paroladon, kiun tradukis S-ro O. Walder.

La Prezidanto de U. E. A., S-ro Bastien, faris la solenan paroladon. Li dankis Svislandon kaj Bern, kiuj tiel agrable akceptis la kongreson, kaj la

LISEZ L'ARTICLE DE PROPAGANDE, p. 49
LEEST HET PROPAGANDA-ARTIKEL, blz. 50

**BONVOLU JAM REPAGI VIAN KOTIZON !**

sindonemajn samideanojn kiuj, gvidataj de S-ro Buchli, preparis nian ĉiujaran feston.

Li rememorigis pri la multnombraj samideanoj kiuj malaperis dum la jaroj inter ambaŭ Bernaj Kongresoj.

Li prezentis al la kongreso la rezultojn de la interparoladoj, kiuj fine alportis la reunuecigon de la neŭtrala movado per kunigo de Internacia Esperanto Ligo kun Universala Esperanto Asocio, sub la malnova nomo Universala Esperanto Asocio. Li skizis la nunan staton de nia movado, kaj la diversajn malfacilaĵojn antaŭ kiuj ĝi staras. Sed ni devas esti praktikaj homoj, gvidataj de idealo.

Unu el la plej bonaj rimedoj por montri al la popolo la utilon de nia lingvo, estas ĝia apliko en la fakaj movadoj. La unua celo de nia laboro estu la disvastiĝo de la fakaj asocioj, kiu enirigas nian lingvon en la praktikon.

Kunlaborado de U. E. A. kun la fakaj asocioj estas ebla laŭstatute, kunlaborado kun neneŭtralaj asocioj ankaŭ estu ebligata por specialaj celoj, sur bazo de reciproka toleremo. Por sukcesi ni devas kunlabori lojale, sur demokrata bazo. Paco per toleremo regu inter Esperantistoj !

Poste oni elektis la kongresprezidanton kaj la kongreskomitaton.

S-ro Buchli kiel kongresprezidanto parolis kaj rememorigis pri la antaŭmilita Berna Kongreso. Li aludis pri la multaj suferadoj kiujn travivis la homaro, kaj pri la malfacila stato morala kaj ekonomia en kiu la mondo troviĝas.

Tamen li pli volonte rigardas la estonton, kaj esperas ke ĝi staras sur paca bazo. Li salutas la kongresanojn venintajn el 35 landoj. Nia kongreso estas iamaniere malgranda Unuiĝo de la Nacioj. Ni ne havas ĝian potencon, sed ni havas ion, kion ĝi ne havas, kaj tio estas nia internacia komprenilo.

Por ĝin konigi al la mondo, ni devas propagandi, sed nia propagando devas esti bone ordigata. Kaj ni ankaŭ devas nin apogi sur la libereco kiu sola povas certigi harmonian disvastiĝon de nia movado.

Nun sekvas la tradicia vico de salutparoloj. Reprezentantoj de registaroj aŭstra, ĉeĥoslovaka, norvega, sveda, de la nederlanda ministro por rekonstruo, de naciaj societoj argentina, aŭstra, belga (F-ino Jennen), brita, bulgara, ĉeĥoslovaka, dana, greka, franca, hungara, irlanda, islanda, itala, jugoslava, maroka, nederlanda, norvega, palestina,pola, sveda, usona kaj svisa, sinsekve plimalpli koncize salutas la kongreson. Kelkaj kortuŝaj vortoj de S-ino Wanda Zamenhof vekas grandan emocion en la Kongresanoj.

Per komuna kantado de « La Espero », akompanata de orgeno, finis tiu tradicia solenaĵo, kiu ĉiam restas en la memoro de ĉiu kongresano, kiel la plej alta punkto de la semajno.

## LABORKUNSIDOJ

La unua laborkunsido okazis lunde matene. La kongresanoj sciiĝis pri la eksiĝo de S-ro Bastien, kaj de S-ro Kursteiner kiel prezidantoj de la antaŭaj I. E. L. kaj U. E. A. Oni konigis la nomojn de la novaj funkciuloj, nomataj de la komitato de U. E. A., S-ro Malmgren (Svedujo), Prezidanto; D-ro Kempeneers (Belgujo), Vic-Prezidanto; S-roj Jakob (Svisujo), Kennedy (Britujo), Lapenna (Jugoslavujo), Oliver (Britujo) kaj Petit (Francujo), estraranoj.

Sekvis nova serio da salutoj de diversaj asocioj.

La sekvanta temo sur la tagordo estis la kunfandiĝo. Diversaj detaloj estis klarigataj; pluraj ĉeestantoj faris demandojn kaj diskutis pri punktoj de la statuto de la Asocio. Kelkaj opiniis ke la laŭstatuta neŭtraleco de la Asocio ne devas altrudi al ĝi ŝajne indiferentan sintenon rilate al kontraŭhomaj krimoj aŭ militatakoj. Longa diskuto okazis pri tiu temo, kaj estis daŭrigata pli poste Fine la kongreso decidis per plimulto konservi la ĝis nun ekzistantan tekston.

Marde okazis la dua laborkunsido, dediĉata al propagando. La prelegantoj prezentis multajn rimedojn. La estraro pristudos tiujn kiuj estas uzeblaj kaj efektivigeblaj laŭ la disponeblaj eblecoj.

La tria laborkunsido estis dediĉata al la faka movado. Ĝin okupis legado

de la decidoj alprenitaj dum la diversaj kaj multnombraj fakaj kunsidoj. El tiuj raportoj evidentiĝis la graveco de la apliko de Esperanto en la fakaj medioj, kaj la neceseco aktive labori en tiun direkton.

### FAKAJ KUNSIDOJ

Ĉiutage la programo enhavis plurajn anoncojn pri fakaj kunsidoj : aparte kunsidis instruistoj, poŝtmarkkolektantoj, rotarianoj, pacifistoj, poŝt- kaj telegrafoficistoj (I. L. E. P. T. T.) , spiritistoj, kuracistoj, vegetaranoj, Oksford-grupo, baha-anoj, sciencistoj, policistoj kaj ankaŭ multaj aliaj (mi citis tiujn anoncatajn en la kongreslibro, laŭ la ordo en kiu ili estas presitaj). Vekis grandan atenton la kunsido de Universala Ligo. Mi ne longe skribos pri la kunsidoj de la U. E. A.-Komitato. Tiu ĉi kunsidis kvarfoje, entute dum 13 horoj, kaj pristudis diversajn gravajn punktojn rilatantajn la administradon de U. E. A.

### DISTRAĴOJ

Kiel kutime la distraĵoj ne mankis. Rondveturoj tra la urbo, duon- kaj tuttagaj ekskursoj allogis la kongresanojn al vizito de la plej belaj partoj de la lando.

Vespere okazis aliaj aranĝoj. Prelegvespero de Esperanto-verkistoj permesis al la Esperanto-publiko ekkoni tri el la plej ŝatataj aŭtoroj, nome Baghy, Kalocsay kaj Tarkony, prezentatajn de ilia eldonisto Bleier, ankaŭ eldonisto de « Literatura Mondo ».

Koncerto prezentata de S-ro Geryk, violono, S-ino Santreuil, soprano, kaj S-ro Merrick, piano, ĉarmis la kongresanojn per bela programo.

Kongresbalo gvidata de bona muzikistaro estis okazo por pli bona interkonatiĝo inter la kongresanoj. Kelkaj naciaj kostumoj plifortigis la internaciecon de la aranĝo.

Kaj vendrede vespere, la Bernanoj montris al ni, eksterlandanoj, tiun amon al la patrujo, kiu dum du mondmilitoj savis ilian sendependecon. La 1an de Aŭgusto estas tago de la svisa nacia festo. Je tiu okazo ĉiuj monumentoj estis lumigataj, fajroj estis bruligataj sur la montoj, kaj la civitanoj, eĉ la plej junaj portis ĉiu sian flageton aŭ lampionon. Granda popolamaso plenigis la stratojn ĝis malfrue en la nokto.

### SOLENA FERMA KUNSIDO

Kaj ĉio havas finon... ankaŭ Esperanto-kongreso. Sabate kunvenis lastfoje la Esperantistoj, jam duone kaptitaj de aliaj zorgoj : kofroj fermotaj, kalkuloj pagotaj, vagonaroj enirotaj, k. t. p.

Diversaj parolantoj prezentis ankoraŭ lastajn raportojn. Oni adiaŭis, rendevuis (« Ĝis Revido en Malmö ! »). Oni lastan fojon kantis « la Esperon » kaj silente staris regardante, emociplene, la grandegan Esperanto-flagon, — kiu dum la tuta kongresa semajno pendis de la plafono, — malsupreniranta malrapide dum orgeno ludis, ĝis sur la brakoj de kelkaj fraŭlinoj en svisa nacia kostumo, kiuj ĝin pie akceptis kaj solene transdonis al la prezidanto de la L. K. K. de la venonta kongreso.

La kongreso mortis ! Vivu la kongreso ! **K.**

---

## OFICIALA ESPERANTO-KURSO EN BRUSELO

Por la unua fojo, dum la lernej-jaro 1946-1947, la urbo Bruselo envicigis Esperanto-kurson en la serion de oficialaj superaj kursoj por plenkreskuloj, kiuj okazas en la urba lernejo, rue Ernest Allard, 49. La diplom-disdono al la lernintoj okazis la 29an de Majo. S-ro R. Catteau, Skabeno por Publika Instruado kaj Belartoj ĝin prezidis. En sia parolado, li speciale priparolis la Esperanto-kurson, kiu okazis la unuan fojon, kaj menciis la utilojn, kiujn la lernantoj povos akiri per la lernado de nia lingvo. La urbaj kursoj rekomenciĝis la 15an de Septembro 1947.

## LASTAJ EĤOJ DE NIA 31a KONGRESO

La Estro de la Kabineto de la Reganta Princo sendis al la Prezidanto de R. B. L. E. leteron kies tradukon ni presigas ĉi sube.

PALACO EN BRUSELO



*La 11an de Junio 1947.*

*Sinjoro Prezidanto,*

*La Reganta Princo estis tre kortuŝata de la sentoj de fideleco, kiujn vi esprimis okaze de la Nacia Kongreso de via organizajo.*

*Lia Princa moŝto donis al mi la taskon transdoni lian sinceran dankon al vi kaj al tiuj kies interpretanto vi estis.*

*Bonvolu akcepti, Sinjoro Prezidanto, la esprimon de mia alta estimo.*

*La Kabineta Estro.*

---

## REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA HONORIGIS SIAJN MORTINTOJN

### A. — VIKTIMOJ DE LA MILITO

Jacques Bonnewit, el Bruselo, aviadisto, mortis batalante (24-II-1945); Maurice Gordin, el Bruselo, mortis en promilita malliberejo; S-ino Jacobsohn-Freyman, el Bruselo, mortis en promilita malliberejo; Gesinjoroj Jurgen Jacobsohn, el Bruselo, mortis en promilita malliberejo; S-ro Oberrotman, el Bruselo, mortis en promilita malliberejo; S-ro Opal, el Bruselo, mortis en promilita malliberejo; Gesinjoroj Urbach, el Antverpeno, kaj iliaj infanoj, pro militaĵo; Michel Sebruyns, el Gento, unua pioniro de Esperanto en Gento, mortis kun sia edzino pro bomatako.

### B. — MORTIS DUM AŬ POST LA MILITO

(vicigo laŭ la datoj de morto).

S-ino Petiau-Gerardi, vidvino de Henri Petiau, ĝenerala sekretario de R. B. L. E.; Sylvain Dervaux, honora prezidanto de Bruĝa Grupo; Albert Thooris, patro de nia honora administrantino, Brugge; Léon Cogen, pacjuĝisto en Ninove, vic-prezidanto de R. B. L. E., kiu dum pluraj jaroj prezidis fakte pro malsano de la prezidanto Witteryck; Frans Tommelein, el Cortemarck, ano de Bruĝa Grupo; Edouard Verbeke, ĉe kiu okazis la kunsidoj de Bruĝa Grupo; Joseph Le Guchteneere, ano de Bruĝa Grupo; Robert Cauwe, ano de Bruĝa Grupo; Louis De Hondt, administranto-delegito de Belga Esperanto-Instituto, Antwerpen; Constant Schroeyers, tre kompetenta esperantisto dum pli ol 25 jaroj, Antwerpen; S-ino Van Reybroeck-De Wagenaere, fidela animo de Verda Stelo, Antwerpen; S-ino Maurice Boeren, Antwerpen; S-ino Hector Boffejon, Antwerpen; Marcel Dumont, el Brusela Grupo; F-ino Raphaele Kestens, el Brusela Grupo.

Mortis ankaŭ dum la milito la jenaj bonfarintoj al Esperanto : Senatano Lafontaine, kiu estis unu el la ĉefaj proponintoj al la Societo de Nacioj sin interesi al Esperanto. Sekve la Ĝenerala Sekretariejo de la S. d. N. ricevis la taskon fari enketon pri la temo de internatia helpa lingvo. Ĝia raporto estas tute favora al Esperanto, kaj la ĝenerala kunsidantaro de la S. d. N. aprobis ĝin.

Paul Otlet, direktoro de la Internacia Instituto de Bibliografio, kaj de la iama Mondo Muzeo en Bruselo. Dum la tria kongreso de la Internaciaj Asocioj (Bruselo 1920), S-ro Otlet kunn S-ro Lafontaine vigle rekomendis Esperanton. Sekve, tiu kongreso faris deklaron tute favoran al nia lingvo.

# 32a BELGA KONGRESO

Pentekosto 1948.

## HONORA KOLONO

### UNUA LISTO DA KONGRESANOJ POR 1948

1. S-ro M. Jaumotte (Wilrijk).
2. D-ro P. Kempeneers (Bruselo).
3. F-ino Jennen (Bruselo).
4. S-ro Cl. Vandevelde (Merelbeke).
5. S-ro Ch. Poupeye (Brugo).
6. S-ro A. Tassin (La Louvière).
7. S-ro P. Paelemans (Antverpeno).
8. S-ro F. Sielens (Antverpeno).
9. S-ro G. Vandenbossche (Antver.).
10. F-ino Nachtergael (Gento).
11. S ino M. Jaumotte (Wilrijck).
12. S-ino H. Schoofs (Antverpeno).
13. S-ro J. Demayer (Nivelles).
14. S-ino J. De De Hondt (Antverp.).
15. S-ino F. Staes (Bruselo).
16. S-ro H. Castel (Ganshoren).
17. S-ro E. Pierre (Bruselo).
18. S-ino E. Pierre (Bruselo).
19. F-ino M. Pierre (Bruselo).
20. F-ino S. Obozinsky (Bruselo).
21. F-ino Kestens (Bruselo).
22. S-ro Deman (Gento).
23. S-ro Timmerman (Gento).
24. S-ino J. Plyson (Bruselo).
25. S-ino A. Tassin (La Louvière).
26. S-ro G. Vermandere (Antverp.)
27. S-ino E. Staes (Bruselo).
28. S-ino P. Kempeneers (Bruselo).
29. F-ino F. Meulemans (Wilrijk).
30. S-ro R. Jacobs (Bruselo).

---

## IL PARAIT QUE L'ESPERANTO EST MORT

Dans « De Nieuwe Landwacht », de Gand, a paru l'information ci-dessous : « Le Français Bruyère, industriel à Saint-Etienne, persuadé de l'échec de l'Esperanto, propose de donner au grec le rôle de langue mondiale. Quand on lui objecte que les déclinaisons compliqueront gravement l'affaire, il répond qu'il simplifiera les déclinaisons, les conjugaisons et aussi l'écriture. A-t-il chance de réussir ? »

La proposition de M. Bruyère n'est pas la seule en son genre.

Il est compréhensible que, n'ayant été que très peu, ou pas, renseigné sur l'Esperanto, on doute de la possiblité d'employer généralement cette langue pour toutes les relations internationales, tant verbales qu'écrites. Mais il est inadmissible que, non renseigné, ou de parti pris, on dise et publie que « l'Esperanto sombre au pays des vieilles lunes parce qu'il est (dit-on) artificiel, parce que sa « rigidité » s'est heurtée à la vie du langage, vie sans cesse en évolution, parce qu'il n'est pas un être vivant qui respire, dont le cœur bat, qui évolue avec les hommes ».

L'image est très jolie, mais aussi très fausse. Si l'on prend le mot « artificiel » au sens péjoratif, nous répondons que l'Esperanto n'est pas plus artificiel que les langues dites « naturelles ». Gens civilisés, sommes-nous artificiels parce que nous ne vivons plus comme certaines peuplades de l'Afrique centrale? Les langues « naturelles » sont-elles devenues « artificielles » parce qu'il y a de nombreux siècles, des penseurs leur ont donné l'alphabet? Parce que des gens d'esprit supérieur les ont fait passer du niveau d'idiomes populaires à celui de langues littéraires? Les langues modernes ont abandonné ou réduit des complications inutiles, que d'autres ont conservées (genres grammaticaux, déclinaisons et conjugaisons multiples, désaccord entre l'orthographe et la langue parlée...); sont-elles, pour cela, devenues « artificielles »? Le Gouvernement belge vient de s'entendre avec le Gouvernement de nos voisins du Nord pour simplifier l'orthographe de la langue néerlandaise; celle-ci devient-elle artificielle?

Zamenhof a pris les éléments de l'Esperanto dans les langues européennes; il n'a fait aux racines choisies que les minimes changements nécessaires strictement pour mettre l'orthographe en parfait accord avec la langue parlée; il a traduit « oiseau » par « bird'o »; « boiteux » par « lam'a »; « limer » par « fajli »; « jeûner » par « fast'i »; « chien » par « hund'o »; « chat » par

« kat'o »; « ferme » par « firm'a »; « poisson » par « fish'o », etc. Zamenhof n'a pas fait les racines de l'Esperanto; il les a choisies judicieusement.

Il a éliminé toutes les complications grammaticales non nécessaires à l'expression exacte et nuancée de la pensée. Dans le but de ne charger la mémoire que d'un nombre relativement restreint de racines de mots, il a généralisé et précisé l'emploi des préfixes et des suffixes qui, dans les langues dites « naturelles », est devenu chaotique. Il a fait des éléments utiles contenus dans les langues européennes une synthèse parfaitement régulière.

En un mot, il a remplacé un grand désordre par de l'ordre. Si l'on voulait admettre que « naturel » signifie « inutilement compliqué », et que « artificiel » signifie « utilement simplifié », nous dirions aussi que l'Esperanto est artificiel. Buffon a dit : « Tout est arrangé dans le corps humain avec un artifice merveilleux ». Quand on a sérieusement étudié l'Esperanto, on dit : **Zamenhof arangîs Esperanton per admirinda arto.**

Nous avons signalé précédemment (voir « Bulteno » de R. B. L. E. d'avril) que des œuvres de poètes célèbres, anciens et modernes, ont été traduites entièrement en vers d'Esperanto ayant le rythme des vers originaux. Cela montre qu'il est absurde d'accuser l'Esperanto d'être « rigide ». Peu de langues « naturelles » ont pareille souplesse.

L'Esperanto se heurte-t-il « à la vie du langage sans cesse en évolution »? En 1928 ont été publiés deux volumes in-8" de 300 pages chacun, intitulés : **Belga Antologio.** L'un d'eux, préparé par M. Jaumotte et plusieurs collaborateurs, est destiné à faire connaître à l'étranger, au moyen de l'Esperanto, la littérature belge d'expression française. Dans l'autre, M. H. Vermuyten a rassemblé non seulement des extraits d'œuvres d'auteurs flamands modernes, mais aussi des écrits des XIIIe, XIVe, XVe et XVIe siècles, depuis « Reynaert de Vos » et la « Légende de Béatrice » jusqu'au « Wilhelmuslied » de Marnix de Sainte-Aldegonde. Les textes en Esperanto de M. Vermuyten et des collaborateurs reflètent aussi parfaitement les textes du Moyen-Age que ceux du XXe siècle. Il n'est donc pas permis de dire que « la rigidité de l'Esperanto s'est heurtée à la vie du langage ».

C. VANDEVELDE.

---

## WAARTOE ESPERANTO BESTEMD IS

Het aantal woorden waaruit een taal bestaat, is uiterst groot. Bijvoorbeeld het « Van Dale's Groot Woordenboek der Nederlandsche Taal » bevat ongeveer 100.000 stamwoorden. Het is waar dat al de woorden uit een woordenboek niet gebruikt worden door iemand die schrijft, zelfs niet door grote schrijvers. Een persoon met een degelijke ontwikkeling moet ongeveer 8.000 woorden uit zijn moedertaal kunnen gebruiken.

Bij middel van 'n duizendtal woorden uit een vreemde taal kan men alledaagse gedachten uitdrukken. Bij middel van een « Taalverkleining », zoals « Basic English », met 850 woorden, kan men uit een meesterwerk een verhaal voor kinderen trekken, een bestellingsbrief schrijven.

Doch, helder, duidelijk, met stiptheid redeneren; letterkundige werken vertalen met bevalligheid en nauwkeurigheid; belangrijke gerechtelijke, economische, wijsgerige, wetenschappelijke teksten opstellen of vertalen, en ze bespreken met personen van hoge ontwikkeling, dat is heel wat anders. Daartoe moet men, buiten de technische termen, een zeer uitgebreiden woordenschat bezitten.

In Esperanto zijn er 4.000 stam- of grondwoorden, onder dewelke men een derde kan laten wegvallen; maar met behulp van dertig voor- en achtervoegsels, waarvan de betekenis zeer nauwkeurig bepaald is, kan men gemakkelijk uit de stammen 25.000 woorden maken, zonder zich het geheugen erg te moeten belasten. Esperanto leren is **één** taal leren, geen **twee** (de geschreven en de

gesproken); schrijfwijze en uitspraak stemmen volledig overeen. De grammatica is uiterst eenvoudig en nochtans voor alle uitdrukkingen geschikt.

Om de intellectuele samenwerking tussen de volken te verwezenlijken is een gemakkelijke en volledige taal nodig, welke gene internationale ijverzucht verwekken kan. Aldus is Esperanto.

(Vertaald door J. NACHTERGAELE.)

---

## VAN DEN METER TOT HET ESPERANTO

De meter, gesteund op de maat van het vierde van een aardmeridiaan, vertoonde zich voor al de volkeren, over honderd en vijftig jaar, als een middel om de bepalingen der hoeveelheden in handelszaken te vergemakkelijken, en om de wetenschappelijke inlichtingen nauwkeurig aan te duiden.

De meter werd stilaan aangenomen in Europa en Amerika; Engeland nochtans aanvaarde hem niet, omdat hij... van Frankrijk kwam.

De Engelse, grote zeevaarders, maken gebruik van kaarten met lengte nul op den meridiaan van Greenwich. De Franse, grote aardrijkskundigen, maken kaarten op waarop de lengten berekend worden van den meridiaan van Parijs af; dan is dus de lengte van Parijs nul. Deze dualiteit kan vergissingen teweegbrengen wanneer men noch Engelsman, noch Fransman is.

In 1892 aanvaarden de meeste landen, om de uurtabellen van het internationaal vervoer te regelen, het stelsel der aardrijkskundige gewesten tussen dewelke het wettig uur juist van 60 minuten verschilt.

Nochtans, om wille van de middaglijn nul, behield Frankrijk het uur van Parijs als wettig uur. Tussen 1892 en 1913 stelden Franse volksvertegenwoordigers meermalen het aannemen van het westeruur voor, doch telkens werd het voorstel door het Parlement verworpen. Eindelijk gelukte een volksvertegenwoordiger van het « Departement du Nord », abt Lemire, er in het volgend stelsel te doen aanvaarden : **Het officieel uur in Frankrijk is dat van den meridiaan van Parijs, achteruitgezet van 9 min. et 21 sec.** Dit is wel het westeruur, doch de meridiaan van Parijs was gered.

Deze voorbeelden van oneenigheid over onderwerpen die als bijzaken kunnen aangezien worden, tonen hoe begochelend het is te denken dat men als internationale hulptaal, waarvan het gebruik dringend wordt, eens de taal van een groot land, bijvoorbeeld deze van de Franse Academie, of het Engels (gans of verkleind) zou aannemen.

(Vertaald door J. NACHTERGAELE.)

---

## SE VI « NE HAVAS TEMPON » AGADI POR ESPERANTO, NE LEGU TION ĈI :

**Profeto :** Knabo renkontas fajfantan viron, kaj laŭte diras : « Vi ne plu longe fajfos ». — Kial ? kolere respondas la viro. — Jen, vi jam finis.

**Miskompreno.** — Ned iris al Hindujo por ĉasi tigrojn. Sed unu el tiuj bestoj mortigis Ned. Tiu malfeliĉaĵo okazigis la jenajn telegramojn inter la kunuloj de Ned kaj lia familio : I. Ned mortigita de tigro. — II. Sendu la kadavron. — III. Sendaĵo alvenos proksiman semajnon. — IV. Ricevis vivantan tigron, sed ne korpon de Ned. — V. Ned en tigro.

**Bonintenca** sinjorino demandis fraŭlon tridek-kvinjaran : Kial vi ne edziĝas ? La respondo estis : Tial ke la needziniĝintaj virinoj dividiĝas je du kategorioj : unuj ne akceptus min; la aliajn mi ne akceptus.

**Avarulo** estis vizitata de malnova amiko. Kiam tiu ĉi estis jam forironta, la avarulo diris : « Mi bedaŭras ke mi ne havas ian bonan manĝaĵon; mi invitus vin por tagmanĝo ». Lia servisto, kiu alportis la ĉapelon kaj la surtuton de la amiko, flustris al sia mastro : « Sinjoro vi havas bovidan kapon ». — « Kaj vi, reflustris la mastro, vi havas azenan kapon. »

**Almozulo** sonorigas ĉe pordo portanta la surskribon : « Doktoro N. » Sinjorino malfermas. — Ĉu la doktoro ne povus donaci al mi malnovan pantalonon ? — Vi ne povus uzi ĝin. — Demandu tamen la doktoron, mi petas. — Ne necese, mi estas la doktoro.

**Inter ĉasantoj.** — Atentu, celante al leporo, vi trafis min. — Nu, mi ŝanĝos la sistemon : mi celos al vi, kaj eble mi trafos leporon.

---

## PRI ELOKVENTECO

La 5an de Novembro, Lord Templewood (Sir Samuel Hoare), Brita Ambasadoro en Hispanujo dum la milito, parolis, en Bruselo pri : « KIEL SAVI EŬROPON ? ». Post kelkaj afablaj paroloj franclinvaj dediĉataj al Belgaj eminentuloj, la ambasadoro klarigis detale sian tezon, uzante la anglan lingvon. Je la fino li konkludis parte per la franca lingvo, parte per la angla. Estas malfacile esti elokventa en fremda lingvo, pro ĝiaj apartaĵoj.

---

## VARBADO PER KANTADO

Bela voĉo, kantate en Esperanto parteton de tre konata opera, povas grave interesigi aŭskultantojn al la internacia lingvo, ĉar, rekonante la arion, ili komprenas la vortojn. En amika kunvenintaro tio donas okazon por interparoli pri Esperanto, kaj tiel malaperigi dubojn pri ĝi, kiuj ekzistas en la spirito de multaj personoj.

Oni rimarku, pri la vortoj kies finiĝo mankas, ke la akcento restas sur la silabo, kiu havus ĝin se la finiĝo ne estus for. Tiel la ritmo estas konservata.

SALUTON, HEJMO ĈASTE PURA

El « Faust » de Gounod. Esperantigis L. BLANC.

Konfuz' nekonata min premas,
Min ekkaptata de amo mi sentas,
Ho Margareto, antaŭ vi estas mi.

De die senkulpa animo.
Saluton, hejmo ĉaste pura *(dufoje)*,
Kie montriĝas la ĉeesto
Kioma riĉ' en tia malriĉec',
En tia ej' kioma feliĉec' *(dufoje)*.

Ho Naturo, ŝin tie ĉarme vi beligis,
Ĉie tie la infan' dormis sub via gard'
Kreskis sub via ŝirm' ;
Tie per via spiro
Ŝin tute ĉirkaŭanta,
Kun amo ekfloriĝis
Tiam la virin'
El ĉiela anĝel'.
Ĉie tie, jes ĉi tie.
Saluton, hejmo ĉaste pura *(dufoje)*,
Kie montriĝas la ĉeesto
De die senkulpa animo.
Saluton,
Saluton, hejmo ĉaste pura,
Kie montriĝas la ĉeesto
De die senkulpa animo.

---

## NEKROLOGO

— S-ro Victor HENDRICX, membro de Esperanto Brusela Grupoj kaj de R. B. L. E. Li dediĉis grandan parton de siaj fortoj al la Blindula Movado.

---

## BELGA KRONIKO

BRUĜA GRUPO ESPERANTISTA (Reĝa Societo). — La grupo kunvenis regule ĉiumarde dum la someraj monatoj. Vizito de kelkaj britaj samideanoj, inter kiuj Ges-roj H. Moy Thomas el London, pliagrabligis la kunvenojn. Ges-roj C. Braet ĉeestis la internacian kongreson de Bern kaj interesplene raportis pri ĝi dum la kunveno de la 5a de Aŭgusto. Nova elementa kurso komenciĝos la 30an de Septembro kun esperigaj antaŭvidoj.

— *Familia kroniko.* — Tutkorajn gratulojn al Ges-roj Florent Verplancke, fidelaj komitatano kaj membrino de la Bruĝa Grupo, okaze de ilia arĝenta geedziĝa jubileo (27-IX-1947).

— *Programo ĝis fine de 1947.* — Kunvenoj ĉiumarde je la 8a vespere, en hotelo « Gouden Hoorn - Cornet d'Or », Simon Stevinplaats : la 30an de Septembro : Malfermo de Elementa Kurso, sub gvidado de S-ro Ch. Poupeye. Daŭrigo : ĉiumarde, je la 8a, ĝis la 16a de Decembro. Post ĉiu leciono, do ĉirkaŭ la 9a, okazos la ordinara kunveno kune por la malnovaj membroj kaj la novaj lernantoj; ĉe la programo : kartludado, portretludo, legado de interesaj artikoloj, debatoj, k. t. p. Plie, la 23an de Decembro, denove je la 8a : ESPERANTISTA BRUSELA GRUPO. — Dum niaj regulaj semajnaj kunvenoj, ni havis la plezuron akcepti plurajn ekstergrupanojn, kaj eksterlandajn gesamideanojn. Ili ĉiam estis bonvenataj ĉe Brusela grupo. Ni havis la grandan bedaŭron perdi unu el niaj plej malnovaj kaj fervoraj samideanoj, nome S-ro Victor Hendriks, kies memoro restos vigla inter la Esperantistaro.

— PROGRAMO DE LA VENONTAJ KUNSIDOJ (en ejo : rue au Beurre, 40, Boterstraat, je la 20a).

*Septembro :* la 1an, komitatkunveno, parolata ĵurnalo; la 8an, S-ro Couppez, pri « Interna organizado de societoj »; la 15an, S-ro Everaets, pri « Revo kaj realeco »; la 22an, S-ino Ernst, pri « Mia vojaĝo al Aŭstrujo »; la 29an, F-ino Jennen, pri « Vojaĝo al Tripolio » (kun lumbildoj).

*Oktobro :* la 6an, komitatkunveno, parolata ĵurnalo, ĝenerala kunsido; la 13an, F-ino Obozinski, pri « Hundo gvindanto de blinduloj »; la 20an, S-ro Rampaer, « Rememoraĵoj pri milito kaj kaptiteco »; la 27an, S-ino Stern, pri « Humoristo kritikas nian reviviĝon ».

*Novembro :* la 3an, komitatkunveno, parolata ĵurnalo, ĝenerala kunsido; la 10an, S-ro Hart, pri « Io ajn »; la 17an, S-ro Castel, pri « Don Juan »; la 24an, S-ro Oleffe, pri « Vojaĝo en Oriento ».

*Decembro :* la 1an, S-ro Swinne, pri « Maurice Chevalier »; la 8an, S-ro Van Der Stempel, pri « Domo kaj meblaro ».

— PROMENADOJ. — Rendevuo je la 15a horo, la 7an de Septembro, angulo place Rogier kaj avenue des Boulevards, forirejo de la kampartramoj, al Humbeek sub gvidado de S-ro Hemelrijck; la 21an, ponto de Woluwe al Stockel.

*Oktobro.* — Atentu : *rendevuo je 14 h. 30,* la 5an : demeto de floroj sur la tombo de P-ro Dumont. Rendevuo avenue du Silence en Uccle, poste promenado al Linkebeek; la 19an, Basilique, eniro avenue Charle-Quint, al Ganshoren; la 2an de Novembro, place Meiser, al Evere.

---

## TRA LA LIBROJ

— EATON SQUARE, de *Albert Durrant*, éd. Le Sphinx, 1947, p. 34 : « Ma présence ne gênait pas la contrebande, puisque j'étais moi-même un individu sans état-civil. On se comprenait. Eux parlaient le basque, moi nullement. Mais il y avait le geste et le billet de banque, *les plus naturels de tous les esperantos.*

---

## TRA LA GAZETARO

Antaŭ nia 31a kongreso multaj gazetoj informis pri ĝi; kaj tuj post tiu kongreso, ili raportis danke al la vigla agado de nia amiko M. Jaumotte kaj de liaj kolegoj.

Oni komunikis al ni eltranĉaĵojn el *De Nieuwe Gazet* (Antwerpen) (kun 2 fotografaĵoj, kiujn ĝi afable disponigis al ni) kaj *Volksgazet* (Antwerpen) de 26a de Majo; *Libre Belgique* (Bruxelles) kaj *Het Laatste Nieuws* (Brussel) (kun fotografaĵo) de 27a de Majo; *Le Soir* (Bruxelles) de 28a de Majo; *La Dernière Heure* (Bruxelles) de 29a de Majo. Mallonga raporto aperis en *Helena Esperantisto* (Majo kaj Junio) kaj speciale menciis la Esperanton Diservon gvidatan de Abato De Mayer.

Aliaj redaktaĵoj, favoraj al Esperanto aperis : en *Le Matin* (Antverpeno, 21-V-1947), bonega propagandaĵo : *Le Renouveau d'après-guerre,* de nia diligenta samideanino S-ino Elworthy-Posenaer; en *Le Travail* (Verviers, 1-VI-1947) : *A travers le monde par l'Esperanto;* en *Le Jour* (Verviers, 2-VI-1947) : sama titolo, sed alia temo; en *Journal de Charleroi* (7-VI-1947), kun la subskribo de Hélène Burniaux : *Pour une langue internationale;* en *La Tribune* (Bruselo, 10-VI-1947) : *L'Esperanto à la poste;* en *L'Occident* (Bruselo, 29-VI-1947) : *Question de langues,* de Cl. Vandevelde.

## ANONCOJ

*Trilinia anonco kostas 15 belgajn frankojn aŭ internaciajn respondkuponojn.*
*Sin turni al R. B. L. E., 19, avenue Montjoie, Bruselo.*

— FILATELISTOJ ! sendu al mi poŝtmarkojn kontraŭ egale multaj islandaj poŝtmarkoj. Helgi Jónasson, Jörfa, Hnappadalssyslu, Islando.

— 12 GEJUNULOJ progresantaj serĉas korespondantojn el ĉiuj landoj. Respondo garantiata, skribu al Jack Couche, Anglesea Barracks, Hobart, Tasmania, Australio.

— S-ro F. S. ALMADA, Banco do Brasil, Santos, Brazilo, deziras korespondi kun gesamideanoj de ĉiuj landoj.

— KIU VOLAS interŝanĝi bildkartojn kun juna ŝtalindustria laboristo ? Dankc respondos S-ro BIRGER, Sjöberg, Box 88, Avesta, Svedujo.

— Deziras korespondi, interŝanĝi poŝtkartojn kaj poŝtmarkojn kun belgaj samideanoj la sekvantaj personoj, ĉiuj el *Ĉehoslovakujo :* Miloslav BLAZEK, Praha 73, Šranko 4c; J. V. HAERING, Praha XIX/14, Nad. Kral. Oborol 43; Vladimir KNAPP, Praha VII, U, Pruhonu 7/1147; Bohuŝ LOUĈKA, Sokolska 656, Zlin; Jiri BAUDYS, Kobylka p. Turnov; Jaroslav VESELY, Plzen 6, Škodovy zavody 73 je; Antonio STAEJC, Praha XV, Hodkovicku Nadubine 158; Jaroslavo SCHUMANN, Pragno VIII, Libau Sladsvincha 1338/6; Otakar NESNIDAL, Rychmanov 79, poŝto Ujezd u Sokolnic (Moravia); Františck VISEK, Olesnik c 50 p. Divcice; Jozef CHVOSTO, Kutna Hora, Jungmannova 478; Rudolf KOSEK, Liberec, Ruzodol I, poŝt. schr. 25/3; Suchy FRANTISEK, Meŝto zdar 456; Frant. BERANEK, Repouje 86; Marian LANGRET, Labinov ĉ 12 ul Stalinova (Slovakio).

— Deziras korespondanton S-ro Liberal Francisco CARPINI, Estaçao de Loreto, C. P., S. Paulo, Brazilo.

*Respondkuponojn aĉetu plej malkare. R. B. L. E., 19, avenue Montjoie, Bruselo.*

---

## SILAB-ENIGMO

El la subaj 75 silaboj faru sepliterajn, trisilabajn vortojn. La triaj literoj de supre malsupren montras ion, kion vi nepre prosperigu.

*ar - ba - bol - bra - co - di - di - do - do - do - do - fi - fi - gen - gri - ĝus - ka - kal - kan - ki - ko - ko - ko - ko - ko - kol - kra - kre - kri - ku - le - li - lo - lo -lo - lo - ma - mes - mo - mus - ne - ne - ne - no - no - no - no - pa - pe - per - pi - pla - pre - pri - pro - rek - ro - so - ta - ti - ti - tis - to - to - to - to - to - tra - tre - tre - tri - tri - va - zo - zo.*

La signifoj de la vortoj estas :

*1.* apliki tion ĉe homa laboro estas prudenta; *2.* estas tre malbona signo, se iu lando ĝin ne havas; *3.* tia pezo ofte malkontentigas mastrumadinojn; *4.* vestaĵo tiel virina kiel vira; *5.* fabelo estaĵo gardanta la trezorojn de la montoj; *6.* ofte serĉata, malofte trovata; *7.* manĝebla vira voĉo; *8.* rakonto parte vera, parte nevera; *9.* la nia povas esti ĉielo aŭ infero; *10.* multaj homoj ofte misfaris tion; *11.* estas laŭ Zamenhof facile, fari malfacile; *12.* oni bezonas lumon por vidi ŝin; *13.* posteulo ŝatita de la germanoj por fotografi; *14.* arbo kies nomo jam sciigas, ke ĝi moviĝas; *15.* nur la malbonaj gustas bone; *16.* postulas multe da pacienco; *17.* kelkaj komprenas ĝin kiel bovo muzikon; *18.* malbonuloj profitas el ĝi; *19.* jen mano kiu povas kuri, manĝi, dormi, k. t. p.; *20.* la svisaj estas la plej konataj; *21.* ofte oni nur honoras lin post lia morto; *22.* ni bezonas ĝin por nia ĉiutaga pano; *23.* tiaj koloj estas fortaj ĉe luktistoj; *24.* Kain estis la unua kiu elparolis tiun vorton; *25.* akrobatoj kaj cerboakrobatoj (matematikistoj) uzas ĝin.

La klarigoj ofte ne donas la ĝustan signifon, sed en kaŝa maniero donas ĝin !

*Ĉiu korespondaĵo pri la enigmoj estu sendata al S-ro Mooy, 106, rue General Lotz, Uccle.*

## BELGA ESPERANTO-INSTITUTO K.S.
Lange Leemstraat, 127, ANTWERPEN

BAEKELMANS : *Elektitaj Noveloj* ... fr. 12,—
BAKKER, Hans : *Het Esperanto in een doosje* (spraakleer, sleutel en doosje met kaartenstelsel) ... 50,—
JAUMOTTE, M., kaj VERMUYTEN, H. : *Belga Antologio* (2 vol.) ... 100,—
CART et PAGNIER : *L'esperanto en dix leçons* ... 10,—
COGEN, L. : *La demando pri la plibonigo de la muzikskribo* ... 1,—
CORTVRIEND : *Waarom Esperanto ?* ... 1,—
DEBROUWERE : *Zakwoordenboekje Esp-o-Nederlands en Nederlands-Esp-o* ... 5,—
DE TIERE, N. : *Devo de Reĝo* (Van der Biest) ... 5,—
DEVOS, J. : *La Ŝipeto* (Vandevelde, A) ... 5,—
*Esperanto Leerboekje* (spraakleer, oefeningen, woordenlijst) ... 1,—
*Esperanto, premier manuel* (grammaire, exercices, vocabulaire) ... 1,—
*Esperanto Sleutel* (beknopte spraakkunst en woordenlijst) ... 1,—
FRUICTIER, P. : *Kompleta Gramatiko kaj Vortfarado de Esp-o* ... 40,—
GROSJEAN-MAUPIN : *Dictionnaire complet Esp-o-Français* ... 50,—
— *Dictionnaire complet Français-Esp-o* ... 100,—
— *Plena Vortaro de Esperanto* ... 180,—
GUIDO GEZELLE : *Se aŭskultas la animo* ... broŝ. 20,—; bind. 30,—
JAUMOTTE, Maur. : *Historio de la E. G. « La Verda Stelo »* ... 5,—
— *Kompleta Esperanta Rimvortaro* ... 10,—
KENNGOTT : *Internacia Dialogaro* ... 7,—
— *Internacia Teatraĵetaro* ... 7,—
*Korespondа Kurso* : Kursus van Esperanto per briefwisseling in vijf lessen ... 20,—
— Cours d'Esperanto par correspondance en cinq leçons ... 20,—
NYSSENS : *Bonhumoro* ... 30,—
RELGIS, E. : *La humanitaristaj principoj. La internacio de la intelektuloj* ... 5,—
ROLLET DE L'ISLE : *L'Initiation à l'Esperanto* ... 7,—
— *Inleiding tot Esperanto* (Jaumotte, M.) ... 7,—
SABBE : *Bietje* (Van der Biest, W.) ... 5,—
*Schidlof's zakwoordenboekje Esperanto-Nederlands en Nederlands-Esperanto* ... 37,50
SCHWARTZ : *Koro estas eta instrument' sekreta.* Kanto kun muzika akompano (Melodio de Kalmanowicz) ... 15,—
UNUEL : *De Internationale Taal, het vraagstuk en zijn oplossing* (Esperanto-tekst met vertaling van W. De Schutter) ... 5,—
— *La Langue Internationale, le problème et sa solution* (texte en Esperanto avec traduction par M. Jaumotte) ... 5,—
VAN SCHOOR, O. : *Judaso* (monologo por Sinjoro) ... 1,—
— *La Servistinoj* (monologo por Sinjorino) ... 1,—
— *La Telefono* (monologo por Sinjoro) 1,—
WITTERYCK : *Het Esperanto in tien lessen* ... 8,—
ZAMENHOFF, L. L. : *Fundamento de Esperanto* (franca) ... 7,50
— *Fundamento de Esperanto* (nederlanda) ... 7,50
— *Fundamenta Krestomatio* ...
Legosignoj el silko kun bildo de Zamenhof ... 10,—
Blankaj poŝtkartoj por korespondado, kun Esperanta stelo kaj teksto « Esperanto Lingvo Internacia » ... % 17,50; ‰ 150,—
Verdaj poŝtkartoj kun teksto kaj muziko de « La Espero » loko por adreso kaj korespondaĵo sur la dorsa flanko ... 0,25; % 20,—
Ilustritaj poŝtkartoj kun Esperanto-teksto :
Antverpeno (30), 8,—; Bruselo (30), 8,—; Kortrijk (10), 3,—.
Pri la Sepa Universala Kongreso de Esperanto Antverpeno 1911 ... 25 ekz. 10,—
Sigelmarkoj kun verda stelo kaj teksto « Esperanto Lingvo Internacia » :
Poŝtmarkformataj : fr. 3,— %; fr. 20,— ‰.
Rondaj : fr. 5,— %; fr. 35,— ‰.

TARIFO DE LA ANONCOJ

| | Unu anonco | Ses anoncoj |
|---|---|---|
| 1/8 paĝo... | 60,— | 300,— |
| 1/4 paĝo... | 100,— | 500,— |
| 1/2 paĝo... | 175,— | 800,— |
| 1 paĝo... | 300,— | 1500,— |

pagotaj al la P.Ĉ.K. 1337.67
de R. B. L. E., La Louvière

# REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

ASOCIO SEN PROFITA CELO

*Prezidanto :* D-ro P. KEMPENEERS, 19, avenuo Montjoie, Bruselo.
*Vic-Prezidantoj :* F-ino A. JENNEN, 72, rue d'Albanie, Bruselo.
S-ro M. JAUMOTTE, 44, avenuo De Bruyn, Wilrijk-Antverpeno.
*Ĝenerala Sekretario :* S-ro Inĝ. C. VANDEVELDE, 230, Peter Benoitlaan, Merelbeke.
*Protokola Sekretario :* S-ro Ch. POUPEYE, 42, Elf Julistrato, Bruĝo.
*Kasisto :* S-ro A. TASSIN, 1, rue Saint-Joseph, La Louvière.

KOMBINATAJ KOTIZOJ

## Reĝa Belga Ligo Esperantista kaj Universala Esperanto Asocio

(REL kaj UEA kunigitaj)

I. *Simpla membreco* (enhavas membrecon al la loka Grupo — se ekzistas — al la Ligo kaj al la internacia organizaĵo; rajtigas ricevi la Bultenon de la Ligo, kaj la internacian kuponaron por servoj)... ... ... ... ... ... ... ... fr. 75
*Familia membro* (same, escepte la Bultenon) ... ... ... ... ... ... ... 30

II. *Membreco kun individua aliĝo* al la Internacia organizaĵo :

a) *Membro kun Jarlibro :*
kiel Simpla membro; ricevas krome la Jarlibron kaj ĝian aldonon ... ... ... 115

b) *Membro Abonanto :*
kiel membro kun Jarlibro; ricevas krome la monatan internacian gazeton : « Esperanto »... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... 175

c) *Membro Subtenanto :*
kiel membro-abonanto pagas pli altan kotizon por helpi la movadon ... ... 300

Pagu al via loka grupo; se ne ekzistas, al poŝtĉekkonto 1337.67 de Reĝa Belga Ligo Esperantista (La Louvière).

Imp. LIELENS, s. p. r. l., 18, r. de la Princesse. Brux. Tél. 21.10.98